**sorĉ-i*** zaubern, hexen; **trans--i** verzaubern, verwandeln; **--istboleto** Hexenpilz (Boletus luridus)
**sordin-o** (muz.) Dämpfer, Sordine; **--iĝi** verklingen
**sorik-o*** Spitzmaus (Sorix)
**spac-o*** Raum; **inter--o** Zwischenraum; **--veturado** Raumschiffahrt
**spark-o** (el.) Funke; **--okamero** ...nkammer
**spasm-o*** Krampf, kp. konvulsio
**spat-o*** 1. (min.) Spat 2. (pat.) Spat (d. Huftiere)
**spegul-o*** Spiegel; **--umo** (med.) Arztspiegel
**spekt-i** (Schauspiel, Zirkusvorstellung) ansehen;
**spektr-o*** (opt.) Spektrum
**spekularj-o,** (-io) Frauen- o. Venusspiegel (bot. Specularia)
**spekulativ-a*** spekulativ, rein gedankenmäßig
**speleologi-o** Höhlenkunde, Speläologie; **--logo** Höhlenforscher, a. **kavernologo, --io**
**spelt-o** Spelz (bot. Triticum spelta)
**spermatozo-oj** Spermatozoen, Samentierchen
**spic-o*** Würze, Gewürz, a. (f.) ... d. Unterhaltung)
**spin-o*** (anat.) Rückgrat; (geo.) **--o de montaro** Gebirgskamm
**spinet-o** (muz.) Spinett
**spion-o*** Spion, Späher, Spitzel
**spiral-o*** Spirale, Schrauben- o. Schneckenlinie, **--algo** Schraubenalge
**spire-o** Spierstrauch (bot. Spiraea)
**spiritualism-o*** (fil.) Spiritualismus; **spiritualist-o*** S...ist
**spizaet-o** Hauben- o. Schopfadler (Spizaëtus)
**splis-i** (mar.) spleissen, Tauenden zusammendrehen
**sport-o*** Sport
**spron-o*** Sporn, Ansporn
**sput-i*** speien, spucken
**al stabl-o** Werktisch; **ĉarpentista a. rabot--o** Hobelbank
**staj-o** Probezeit
**stakat-o** (muz.) Stakkato; **--a** stakkata, kurz abgestoßen
**stalagmit-o*** Stalagmit, vom Grunde wachsender Tropfstein
**stalaktit-o*** Stalaktit, hängender Tropfstein
**stamen-o*** (bot.) Staubfäden, -gefäß
**staniol-o** Stanniol, a. **stanfolio**
**stapelj-o** (io) (Afrik.) Aasblume (Stapelia)
**starost-o** Starost (slaw.) Gemeindevorsteher o. Verwaltungsbeamter
**statik-o** (fiz.) Statik, Lehre vom Gleichgewicht d. **Körper**
**statist-o** Statist, Schauspieler für Nebenrollen, a. **figuranto**
**statistik-o*** Statistik
**staŭd-o** (bot.) Staude, **kelkjara planto**
**stek-o** (Kk.) Steak, kurzgebratenes Fleischstück

**slav-o** Slawe; **--istiko** Slawistik
**slip-o** Zettel, **Karteiblatt**; **--ujo** Kartothekkasten
**slojd-o** gewerbliche Handarbeit; (ped.) Handfertigkeitsunterricht
**slovak-o** (etn.) Slowake
**sloven-o** (etn.) Slowene
**smala-o** arabisches Zeltlager
**smirg-o** Schmirgel; **--papero** Sand- o. ...papier
**soci-o*** 1. menschl. Gesellschaft 2. zusammenlebende Gemeinschaft 3. zusammenlebende Gemeinschaft von Tieren: Herdentiere, Bienen, Ameisen ...
**societ-o** 1. Verein, Vereinigung 2. Gesellschaft von Menschen ähnlicher Bestrebungen; **--ludoj** G...sspiele; **--nivela** g...sfähig
**sodomi-o** (pat.) Sodomie, widernatürliche Unzucht
**sofism-o*** Sophismus, trügerischer Scheinbeweis, Trugschluß
**soft-a** kaum hörbar = **apenaŭ aŭdebla**
**soif-i*** dürsten 1. nach Getränken 2. (f.) nach Genuß o. Rache
**sol-o** 1. Einzelgesang o. -spiel, a. Tanz: **--kanto, violin--o, --danco** 2. (kem.) Sol, e. kolloidale Lösung
**solan-o** Nachtschatten, dz. **nigra --o** Schwarzer ... (Solanaum nigrum)
**solariz-i** belichten, dem Sonnenlicht aussetzen, kp. **eksponi**
**soldat-o*** Soldat; **--ejo** Kaserne; **sold(at)libro** Soldbuch
**solecism-o** Solezismus, Sprachschnitzer, -verstoß = **lingva eraro**
**solfeĝ-o** (muz.) Solfeggio, Gesangsübung
**solidag-o** Goldrute (bot. Solidago)
**solist-o*** Solist, Einzelsänger, -spieler, -tänzer
**solstic-o** (astr.) Sonnenwende, Solstitium
**solutre-o** (geol.) Solutréen, Stufe der jüngeren Altsteinzeit
**solv-i*** (auf-)lösen 1. mek., kem. 2. Aufgaben, Probleme, Rätsel ...
**somer-o*** Sommer; **--umi** d. ... verbringen; **--umejo** ...frische
**somier-o** Sprungfederboden (für Betten)
**somnambul-o** Nachtwandler, Somnambule; **--ismo** S...lismus
**son-i*** tönen, klingen; **--disko** Schallplatte; **--bendo** Tonband **--barilo** (avi.) Schallmauer
**sonet-o*** (poe.) Sonett; **--krono** ...kranz; **majstro--o** Meister...
**sonĝ-o*** Traum, kp. revo, fantazio, iluzio; **--interpreto** ...deutung
**sonor-i*** (netr.) tönen, hallen, schallen
**sopir-i*** sich sehnen (al); **--ĝemo** (Sehnsuchts-)Seufzer
**sor-i** (avi.) schweben, getragen werden, segelfliegen
**sorb-i*** (auf- o. ein-)saugen, schlürfen; **inksorbilo** Tintenlöscher

**sanderling-o** Strandläufer (bird. Tringa) **kp. kalidro**
**sang-o*** Blut; **--parenco** ...sverwandter; **--elĵetiĝo** = **hemoagio** ...sturz
**santolin-o** Heiligenblume (bot. Santolina)
**sape-o** (mil.) Sappe, Lauf-Annäherungsgraben, Miniergraben
**saponarj-o** (-io) Seifenkraut (Saponaria)
**saprofit-o** Fäulnisbewohner, (bot.) Saprophyt
**sard-o** Sarde (fiŝ. Clupea sardina), kp. **sardino**
**sargas-o** Beerentang (bot. Sargassum)
**sari-o** (Kl.) Sari, **ind.** Wickelkleid, kp. **sarongo** Lendenschurz
**sarkokarp-o** (bot.) Fruchtfleisch
**sarong-o** (Kl.) Sarong, Lendentuch (d. Malayen), kp. **sario**
**sarotamn-o** Besenginster, a. **„balailgenisto"** (bot. Sarothamnus)
**sati-o** (ind. rel.) Sati, Treue bis in d. Tod der ind. Gattin
**satir-o*** Satire, Spottgedicht
**satiriaz-o** (pat.) Satyriasis, übersteigerter männl. Geschlechtstrieb
**satirius-o** (mit.) Satyr, griech. Waldgott, Sinnbild d. Gier
**saŭr-o** (fos. zoo.) Saurier, Urechse
**scen-o*** Szene 1. Auftritt (tea.) 2. dramat. Begebenheit 3. Bühne
**scienc-o** Wissenschaft
**sediment-o** (geol.) Sediment, Ablagerung; **--i** ablagern, anschwemmen
**sekant-o** 1. (geom.) Sekante, Schneidelinie, a. **sekcanto** 2. (mat.) (Winkelfunktion) Sekans
**sekoj-o** Mammutbaum (Sequoia gigantea)
**sekreci-o*** (biol.) Sekretion, Ausscheidung, Absonderung
**sekret-o*** Geheimnis; **--ema** diskret, verschwiegen
**sekretari-o*** Sekretär
**seks-o*** Geschlecht; **--atenco** Sittlichkeitsverbrechen; **--hontemo** = **pudero; ambaŭ--a** = **hermafrodita** Zwitter
**sekst-o** (muz.) Sexte
**sekulariz-i** säkularisieren, verstaatlichen (von Kirchengut)
**sekundant-o*** Sekundant, d. Zweite, Zeuge (beim Duell)
**sekv-i*** folgen 1. nach jmd. kommen 2. jmd. ..., hinterhergehen 3. auf etw. folgen, gleich danach geschehen
**sel-o*** Sattel, Reitsitz; (geo.) (Gebirgs)...; **glit--o** Gleitplatte
**selak-o** Riesenhai (zoo. Selache)
**selen-o** (kem. elem.) Selen; **--ĉelo** Selenzelle
**sem-i** (präfixart. in Fremdwörtern) = **duon-: semifinalo** = d...fin.
**semajn-o*** Woche; **ĉiu--e** (all-)wöchentlich
**semantem-o** (gr.) Wortbestandteil mit eigener Bedeutung
**semantik-o** (gr.) Semantik, Wortbedeutungslehre
**semid-o** (etn.) **Semit**
**semolin-o** (Kk.) **Grieß**

**sempervív-o** Steinrosette, Hauswurz (bot. Sempervivum)
**sena-o, (seneso)** Sennesblätter, vom ...strauch (Cassis senna)
**send-i*** senden, schicken; **--ilo, --stacio** (radio-)Sender
**senes-oj** (bot.-farm.) Sennesblätter, v. **senaoj**
**senior-o** Ältester, Altmeister, (Ggs.) **junioro,** a. **plej aĝa, plej juna**
**sens-o,** sentumo Sinn, Sinnesorgan; **la kvin sentumoj** (de l'homo)
**sept-o** Scheidewand, Verschlag; **--i** durch Verschlag trennen
**septet-o*** (muz.) Septett, Musikstück für 7 Stimmen o. Instrumente
**septim-o** (muz.) siebenter Ton, Septime
**sepult-i** (den Leichnam) zur Beisetzung bereiten
**seraj-o*** Serail, Palast u. Harem d. türk. Sultans
**serologi-o** (med.) Serologie, Lehre vom Serum
**seroterapi-o** Serumtherapie, Behandlung mit Heilserum
**serpentarj-o,** (-io) Sekretär, Stelzengeier (Gypogeranus serpentarius)
**serur-o*** Schloß; **pend-, risort-, sekuriga --o** Hänge-, Schnapp-, Sicherheits...
**sestet-o** Sextett, sechsstimmiges Musikstück
**seter-o** Setter, langhaariger Vorstehhund
**sevrug-o*** Sternhausen (fiŝ. Acipenser stellatus)
**sezam-o** Sesam, Kuntschu (bot. Sesamum); **--oleo** ...öl
**sfagn-o** Torfmoos (Sphagnum)
**sfing-o** Schwärmer (ins. Sphinx)
**sfinkter-o*** (anat.) Schließmuskel
**siderologi-o** Siderologie, Hüttenkunde
**sign-o** Zeichen, Wink; **post--o** Spur, Fährte
**signal-o*** Signal, Melde- o. Verkehrszeichen; **--pozo** ...stellung
**signatur-o** Signatur, Unterzeichnung = **subskribo**
**sikomor-o** Sykomore, Maulbeerfeigenbaum (Sycomora)
**simetri-o*** Symetrie, Ebenmaß
**simfit-o** Schwarzwurz (bot. Symphitum)
**simpati-o*** Sympathie, Zuneigung
**simpatik-o** (anat.) Lebensnerv (Nervus sympathicus)
**sinagog-o*** (jüd. rel.) Synagoge
**sinap-o*** Senf (bot. Sinapis); **--a kataplasmo** ...pflaster
**sineti-o** (gr.) Synesis, Wortfügung, die weniger auf Grammatik als auf den Sinn achtet: die schöne Annerl
**sinhal-o** Singhalese (auf Ceylon); **--a lingvo** ...ische Sprache
**sinkretism-o** (fil.) Synkretismus 1. Bestreben, verschiedene Religionsssysteme zu verschmelzen 2. Zusammenarbeit versch. Parteien
**sinjor-o*** Herr; **--boleto** Steinpilz (Boletus edulis)
**sinkroton-o** (el.) Synkroton, Protonenbeschleuniger
**sinoptik-a*** synoptisch, leicht überschaubar

**sintez-o*** Synthese 1. (log.) Aufbau eines Systems 2. (kem.) Aufbau von Stoffen 3. der Analyse entgegengesetztes Verfahren
**sinu-o** Windung, Wegschleife, Umweg
**sirni-o** Waldkauz (Syrnium)
**sistem-o*** System; **aŭtomata --o** (telefon.) (Selbst-)Wählersystem
**sit-o** Blauspecht, Baumläufer, Kleiber (Sitta)
**sitac-o** Sittich (bird. Psittacina); a. **psitaco,** Wa **--ozo** Psittakose
**situ-o** (geo.) Lage, kp. **situacio**
**skabel-o** Fußbank, Schemel, a. **piedbenk(et)o**
**skabeno** (jur.) Schöffe, Beisitzer, Beigeordneter
**skabioz-o** Knopfblume (bot. Scabiosa)
**skadr-o*** (mil.) Schwadron; **--estro** Rittmeister
**skafald-o** (Bau-)Gerüst; **--i** Gerüst aufstellen, rüsten
**skalen-a** uneben, ungleich; **--o triangulo** ungleichseit. Dreieck
**skalp-o*** Skalp; **sen--igi** skalpieren
**skalpel-o** (med.) Skalpell, kleines Seziermesser, a. **sekcilo**
**skapular-o** 1. (med.) Schulterbinde 2. (Kl.) Skapulier, Schulterkleid der Mönche
**skem-o*** Schema, Norm, Muster; **kieplo--o** Klöppelbrief, -karton
**ski-o** (sp.) Ski, Schneeschuh; **--saltado** ...springen; **--saltejo** Sprungschanze; **ĉeval--ado** Skijöring; **ond--ado** Wellenreiten
**skili-o** Katzenhai (Scyllium), a. **„katfiŝo"** Seekatze
**skism-o*** Schisma, Spaltung 1. Kirchen... 2. ... der Lehrmeinungen
**skiz-o*** Skizze, flüchtige Zeichnung, Entwurf, kurze Beschreibung
**skizoid-a** (pat.) schizoid, seelisch zerrissen, gespalten
**sklav-o*** Sklave, a. im übertragenen Sinne: --o de la alkoholo
**sklér-o** (anat.) Sklera, weiße Hornhaut (d. Augen)
**skleroz-o** (pat.) Sklerose, Gewebe o. Organverkalkung, a. **sklerotito**
**skolastik-o*** Scholastik, Buchstabengelehrsamkeit
**skold-i** (fam.) schimpfen, auszanken, zurechtweisen, ä. **riproĉi**
**skops-o** Zwergohreule, Waldteufelchen (Scops carniolica)
**skorzoner-o** Schwarzwurzel (bot. Scorzonera)
**skrib-i*** schreiben; **sur--i** beschriften; **--maniero** Schreibweise
**skrofol-o*** (pat.) Skrofulose
**skulpt-i*** (art.) skulptieren, ausmeißeln, behauen, formen
**skun-o** (mar.) Schoner, (leichtes zweimastiges Segelschiff)
**skval-o** Dornhai (Squalus)
**skvar-o*** Square, viereckiger Schmuckplatz (in Städten)

**schmecken / lassen Sie sichs gut ...!** bonan apetiton; **das schmeckt mir nicht** tio ne estas laŭ mia gusto; **ihm schmeckt nichts** li ne trovas bongusta ion ajn; **das schmeckt nach Ketzerei** tio konjektigas herezon; **das schmeckt nach mehr** tio vekas plian apetiton; **schmeckts?** ĉu bongustas?;
**schmieden / Pläne ...** projekti; plani;
**schmiegen / Seite an Seite geschmiegt** dense flankon ĉe flanko;
**schmieren / j—m die Hände ...** subaĉeti iun; **Schmiere stehen** gardi ŝtelkamaradon; **es geht wie geschmiert** tio iras glate; **schmierige Geschäfte** malhonestaj aferoj; **wer gut schmert, der gut fährt** de pli da suko ne malboniĝas la kuko;
**Schmutz / ... und Schundliteratur** obscena kaj senvalora literaturo; **er ist ein ...fink** malpurulo; cindrulo;
**Schnabel / wie der ... gewachsen ist** laŭ sia beko; **den ... halten** silenti;
**schnappen / nun hats geschnappt!** nun sufiĉe!
**Schnecke zur ... machen** fari al iu bonan lavon; sapumi ies okulojn; **ich werde zur ...!** mi ŝtoniĝas pro miro!;
**Schnee / er denkt an den ... vom letzten Jahr** li serĉas la tagon pasintan; li serĉas la venton sur la kampo;
**schneiden / da ... schneiden Sie sich!** en tio vi trompiĝas!;
**Schneider / im Skat ... werden** resti sub la duono;
**schneien / er ist mir ins Haus geschneit** venis surprize;
**Schnippchen / j—m ein ... schlagen** mistifiki iun;
**Schnitt / seinen ... machen** bone profiti; **von neuestem ...** laŭ la lasta modo (fasono);
**Schnörkel / ver...ter Stil** flororiĉa stilo;
**Schnuppe / das ist mir ...** estas al mi egale; tio ne tuŝas min;
**Schnur / über die ... hauen** ekscesi; ekstravaganci; **...stracks zuwider** tute kontraŭa;
**Schnürchen / das geht wie am ...** tio funkcias kvazaŭ fadeno **tirata de** bobeno;
**schon ... faul** jam suspektinde; **... gut!** bone!; **... wieder** denove; **... der Gedanke** la nura penso;
**schön / ich danke ...** mi multe dankas; **... tun mit j—m** afekti afablecon al iu; flat(kares)i; amindumi kun; **da hast du was Schönes angestellt!** jen bela afero, kiun vi faris!
**Schopf / die Gelegenheit beim ... fassen** kapti okazon ĉe la kapo;
**Schornstein / etw in den ... schreiben** noti en la kamentubon;
**Schoß / die Hände in den ... legen** ĉesi laboron (labori); ĉesi peni; ne plu agi; **im ... der Erde** en la profundo de l'tero
**schräg / ... gegenüber** transe (mal)dekstre;
**Schranke / jemand in seine ...n zurückweisen** remeti iun inter la limojn; **in ...n halten** bridi (siajn voluptojn); **in die ...n fordern** elvoki (provoki) iun;
**Schraube / bei ihm ist eine ... locker** mankas klapo en lia kapo; **die Preise in die Höhe ...n** plialtigi la prezojn; **geschraubter Stil** afekta stilo;
**Schreck / O ...!** mizero sur mizero!; maro da mizeroj!
**schreiben / den wievielten ... wir heute?** kiu dato estas hodiaŭ?; **zur Last ...** debeti; **gut...** skribi en la krediton de iu; **wie schreibt sich das Wort . . .?** kiu estas la ortografio de . . .?;
**schreiten / zur Operation ...** ekoperacii;
**Schritt / auf ... und Tritt** (sekvi) ĉiujn ies paŝojn; **... für ...** paŝon post paŝo; **... halten** paŝi sammezure; iri egale;
**Schrot / von altem ... und Korn** de malnova honesteco;
**Schub / auf den ... bringen** translimigi per ĝendarmoj;
**Schuh / umgekehrt wird ein ... draus** la sama afero, sed kapo al tero; **j—m etw in die ...e schieben** imputi ion al iu; **wo drückt denn der ...?** kio kaŭzas viajn zorgojn?
**Schuld / in der ... stehen mit 100 Mark** ŝuldi cent markojn; **eine ... auf sich nehmen** kulpiĝi pri; **auf j—n die ... schieben** imputi la kulpon al iu; **sich etw zu ...en kommen lassen** kulpiĝi; **...en machen** preni krediton; ŝuldiĝi; **...en bezahlen** sin malŝarĝi de ŝuldoj **mehr ...en als Haare auf dem Kopfe** pli da ŝuldoj en la urbo, ol da haroj en la barbo; **von seinen ...en leben** vivi de estontaj enspezoj; konsumi sian grenon antaŭ ĝia naturiĝo; **bis über die Ohren in ...en sitzen** sidi en ŝuldoj ĝis super la ŝultroj; **...ig sprechen** konamni; **fünf Mark ...ig bleiben** resti ŝuldanta kvin markojn; **der Mohr hat seine Schuldigkeit getan** pano estas alportita, korbo estu forĵetita;
**Schule / aus der ... plaudern** elbabili sekretaĵojn; disbabili privataĵojn; **... machen** fondi skolon; modiĝi; enkondukiĝi; **die ... schwänzen** preterviziti la lernejon; forvagi el la lernejo;
**Schulter / die kalte ... zeigen** konduti malverme; forpuŝi kontraŭ; montri malrespekton;
**Schur / j-m einen ... antun** fari ĉagrenon al iu;
**Schuß / im ... sein** esti en rapida moviĝo; **in ... bringen** ordi; reguli; ripari; funkciigi; **in ... halten** teni en ordo; konservi bonstata; bone prizorgadi; **keinen ... Pulver wert** tute maltaŭga; nepre senvalora;

**Schüssel / wer an der ... sitzt, deckt sich** kiu havas abelojn, havas mielon; kiu panon donas, malsaton ne konas; estas ŝafoj, estos lano; kuiristo nepre ne malsatmortas;
**Schuster / ... bleib bei deinen Leisten** restu, tajloro, ĉe via laboro; **auf ...s Rappen reiten** veturi sur sia paro da kruroj;
**schütteln / aus den Ärmeln ...** improvizi (parolon); sorĉhavigi (monon); sorĉe starigi (armeon);
**Schutz / in ... nehmen** defendi; protekti; **... und Trutzbündnis** alianco defensiv-ofensiva;
**schwach / seine ...e Seite** lia malforta flanko; lia vundebla loko; **in einer ...en Stunde** en horo malsaĝa; kiam lia cerbo iris promeni;
**Schwäche / er hat eine ... für ...** lia malforta flanko estas la amo al ...;
**Schwaden / das Getreide liegt in ...** kuŝas falĉita; **Rauch steigt in dicken ...** per densaj nuboj;
**Schwamm / ... drüber!** for ĉion ĉi!; ni forgesu tion!;
**Schwan / mir ...t** etw mi havas antaŭsenton de;
**Schwang / in ... bringen** modigi; **im ... sein** esti moda;
**schwanger / (fig) ... gehen** kovi sur gravaj ideoj;
**Schwanz / das Pferd am ...e aufzäumen** jungi la bovojn malantaŭ la plugilon;
**schwarz / ich sehe ...** mi estas pesimista (pri tiu punkto); **... vor den Augen werden** perdi la konscion; **... auf weiß** mi montros al vi tion skribita (presita); **der ...e (= Teufel)** diablo; **ins ...e treffen** trafi la centron (de celtabulo, de problemo);
**Schwebe / in der ... sein** esti (ankoraŭ) nedecidita;
**schweigen / ... gebieten** postuli silenton; **... bewahren** esti diskreta;
**Schwein / er ist ein ...** li estas obscenulo; **... haben** havi bonŝancon; havi feliĉon;
**schwer / etw ... nehmen** preni ion malfacile (peze); **... von Begriff sein** malfacile percepti; neinteligenta; fermitkape; **... darniederliegen** esti danĝere malsana; **... reich** riĉega; **ihre ...e Stunde** horo de akuŝiĝo; **gegen ...es Geld** por (kontraŭ) multe da mono; **das ...gewicht der Untersuchung** la centro (fokuso) de la esploroj estis (kuŝis) en ...; **den ...punkt legen auf** plej multe akcenti ...n;
**schwierig / er ist ...** li estas malfacile kontentigebla (alirebla);
**schwimmen / in Tränen ...** sin bani en larmoj; **der Fisch will ...** fiŝo volas naĝi; fiŝo sen vino estas veneno; **es schwimmt mir vor den Augen** mia vido malklariĝas;
**schwinden / meine Sinne ...** mi perdas la konsciencon;
**schwindlig / ich werde ...** min kaptas vertiĝo;
**Schwips / er hat einen ...** li havas iom da vaporo en la kapo;
**schwören / beim Barte der Propheten ...** ĵuri per la barbo de l'profeto; **alles ab...** ĵuri kaj reĵuri;
**Schwung / ein ... Bücher** amaso (kolono, stako) da libroj; **in ... bringen** prosperigi (la aferon); vigligi (laborigi) iun; **in ... halten** teni en ordo; konservi bonstata; bone prizorgi;
**See / in ... gehen** debordiĝi; ek(ŝip)veturi; **auf hoher ...** sur alta maro; **Leutnant zur ...** ŝipleŭtenanto; **zur ... gehen** fariĝi maristo; **zur ... nach England gehen** ŝipe veturi al Anglio; **in ...not geraten** marakcidenti; trafi en mardanĝeron;
**Seele / ein Herz und eine ...** plene harmonii kun; **du hast mir aus der ... gesprochen** vi precize eldiris miajn pensojn; **die ... des Ganzen** la animo (koro) de l'tuto; **eine ... von Mensch** la homeco karniĝinta; kun koro el oro;
**Segel / unter ... gehen** ekvelveturi; **... setzen** hisi velojn; **die ... streichen** malhisi velojn; **... festmachen** ferli; **mit vollen ...n** kun (vento-)plenaj veloj; kun ĉiuj (hisitaj) veloj;
**sehen / nach dem Rechten ...** kontroli; **ich würde es gern ..., daß** mi ŝatus, se; **... lassen** vidigi (montri) (sian vizaĝon; **gut ... havi** bonajn (akr(evid)ajn) okulojn; **dieser Kuchen kann sich ... lassen** meritas atenton; tio neniel bezonas honti; tio estas modela; **alles in rosigem Lichte ...** vidi en roza lumo; **j—n essen ...** vidi iun manĝanta; **siehe!** jen!; **sieh, daß du bald wiederkommst** penu, ke ...; **wie ich sehe, ist es zu spät** laŭ mia vido (ekkono) ...; **siehst du!** aha! **gern gesehen sein** esti bonven(ant)a;
**sei / es ... denn, daß** ĉu ... ĉu; escepte, se; ... estu; **es ...!** estu!; nu bone!; **... es, daß** ĉu ... ĉu; **... dem, wie ihm wolle** estu kiel ajn;
**Seiltanzen / davon so viel verstehen wie der Bär vom ...** kompetenta, kiel besto pri arĝento; li komprenas predikon, kiel bovo muzikon;
**sein / kann ..., daß** estas eble, ke; **weiter ... (als andere)** supori; esti pli progresinta; **jedem das ...e** al ĉiu la lian; **...e Königliche Majestät** Lia reĝa moŝto;
**Seite / j—m zur ... stehen** helpi; asisti; subteni iun; **j—m zur ... treten** preni ies partion; apogi iun; **etw auf die ... legen** flankenmeti ion; **sich auf die ... machen** forŝteliĝi; **von fachmännischer ... wird mitgeteilt** fakuloj informas, ke; **er hat auch seine guten ...n** li havas ankaŭ siajn bonajn flankojn;
**selbst / von ...** spontanee; propra-vole; propramove; aŭtomate; **er ...** li mem; **er ist die Liebenswürdigkeit ...** korpiĝinta afableco; **... er** eĉ li; **... ist der Mann!** mem farita, bonplenumita;

# Poŝtstampoj






























## *Die Nationalhymne der DDR in Esperanto*

Bereits vor einigen Jahren wurde unsere Nationalhymne von einem *Kollektiv Leipziger Esperantisten* ins Esperanto übertragen.

Eine zweite Fassung übersandte uns Bundesfreund *Ernst Wichert* aus Berlin. Wir glauben, daß zu beiden Übersetzungen von poetisch interessierten Sprachfreunden einiges zu sagen wäre und rufen hiermit auf zu kritischen Stellungnahmen, Bearbeitungen oder Neuübersetzungen. Dabei sollte beachtet werden, daß die Hymne singbar sein muß (Frage der betonten und unbetonten Silben, Apostrophierung u. ä.).

Lassen wir uns bei der Beurteilung der vorliegenden Übersetzungen leiten, was *Johannes R. Becher* in sein Tagebuch schrieb:

> *„Als höchste Ehre aber, die mir zuteil wurde, betrachte ich die Tatsache, daß ich der Verfasser der deutschen Nationalhymne bin, worin ich alles das zusammenfassend ausdrücken durfte, was unser Volk in seinem tiefsten Innern bewegt."*

und wozu *Hanns Eisler* sagte:

> *„Vor allem habe ich mich bemüht, der Musik einen wirklichen humanistischen Inhalt zu geben . . . , es mußte ein würdiger und sehr menschlicher Ton gefunden werden."*

## *La nacia himno de GDR*

*Leviĝinta el ruino*
*Cele al venonta grand'*
*Servu ni al bondestino*
*Por germana patroland'!*
*ni forigu la mizeron*
*Ĉar ĝin venkos kune ni,*
*Kaj atingos, ke sur teron*
*Bela suno brilos pli*
*De l'germana land', (ripeto)*

*Pacan sorton ja deziras*
*Patrolando de german';*
*Pacon la homar' sopiras,*
*Al popoloj via man'!*
*Se ni frate nin kunligos,*
*malamikon venkos ni.*
*Pacan lumon ni heligos,*
*Ke patrin' ne ploros plu,*
*Pri la filo ŝi, (ripeto)*

*Plugu ni por bona sorto,*
*Lernu kaj laboru pli;*
*Fide al la propra forto*
*Novan genton kreos ni.*
*Junularo estu nia*
*En popola harmoni'!*
*Nova vivo Germania —*
*Kaj la suno brilos pli*
*Sur germana land' (ripeto)*

*Ernst Wichert, Berlin*

*Leviĝintaj el ruinoj*
*Kun vizaĝ' al la estont',*
*Servu viajn ni destinojn,*
*Germani', en unu front'.*
*Venku ni mizeroĝermon,*
*Kune ĝin detruos ni,*
*Transpasinte la ekstermon*
*Brilu pli ol iam sun'*
*Super Germani'.*

*Pac-feliĉon ni deziras*
*Al patrio de l'German'.*
*Ĉiuj homoj pacsopiras,*
*Al popoloj via man'.*
*Cedos popol-malamiko,*
*Se vi fratas laŭ konsil'.*
*Lumon paca vi briligu,*
*Ke neniam plu patrin'*
*Ploru pro la fil'.*

*Plugu ni, konstruu brave,*
*Lernu, verku trans pasint',*
*Fida je fort' propra grave*
*Levas sin libera gent'.*
*Jungermanoj, vol' plej bona*
*Nestas de l'popol' en vi.*
*Iĝos vi ekir' germana.*
*Brilos pli ol iam sun'*
*Super Germani'.*

*Kolektive tradukis Leipzig-aj Esperantistoj*

---

**SILEZIAJ KANTOJ de Petr Bezruĉ**

dua eldono je honoro de la 25-a datreveno de liberigo de Ĉeĥoslovakio, eldonita de Distrikta Popola Biblioteko en Opava en kunlaboro kun Esperanto-Rondeto de la Uzina klubo Ostroj, Opava. 120 p., 13×20, bindita, tre plaĉa kovrilo kaj preso sur bona papero.

Estas unu el la avantaĝoj de Esperanto, povi legi en ĝi tradukojn de verkoj de poetoj, plej elstaraj por respektivaj naciaj kulturoj. Tiel Petr Bezruĉ apartenas al la plej eminentaj en la tutmonda literaturo, kaj en SILEZIAJ KANTOJ estas kolektitaj liaj plej karakterizaj, ĉefaj poemoj. Per ili sentiĝas la vivo kun ĝojo kaj zorgoj — kaj ĉefe zorgoj — de la silezia popolo, kiam ĝi longe estis nacie subpremata en la kadro de Aŭstrohungara monarkio.

La poemoj estas majstre tradukitaj de Tomáš Pumpr, Jiři Kořinek kaj Rudolf Hromada, tiel flue legeblaj, kvazaŭ temas pri originala verko, ke la lingvaĵo neniel deturnas la atenton de la enhavo.

Je la fino de la libreto ni trovas biografion de la aŭtoro, komentarion, necesan por la kompreno de unuopaj poemoj kaj listeton de vortoj, ne troveblaj en PV.

Entute: tre rekomendinda libro.

Havebla ĉe Centra Laborrondo.

*L. S.*

# Angela Davis

*Angela Davis,*
*juna negrino,*
*sidas senkulpa en la karcero.*
*Angela Davis,*
*batalantino,*
*al vi rigardas la tuta tero!*
*Vi la liberon oferi devis*
*kaj eble devos doni la sangon,*
*ĉar vi defendis,*
*Angela Davis,*
*viajn gefratojn kaj vian landon.*
*Sed vi ne timas,*
*Angela Davis.*
*Lumas kuraĝe via rigardo,*
*ĉar realiĝos, kion vi revis,*
*Angela Davis, nia standardo.*
*Plena de digno kaj de maltimo,*
*pugne vi levas manon kuraĝan.*
*Angela Davis,*
*brava negrino,*
*vi pretas doni vivon junaĝan.*
*Ĉar vi batalas por la libero*
*kaj de nigruloj, kaj de blankuloj,*
*tial nun brilas en la karcero*
*viaj belegaj faraj okuloj.*
*Juna negrino, Angela Davis,*
*nia aglino,*
*gloro,*
*fiero!*
*Vi al batalo la homojn levis,*
*la suferantojn de l'tuta tero.*
*La tribunalo time rigardas,*
*ke vin defendas la tuta mondo,*
*kaj luktoj ĉiam pli forte ardas,*
*ke jam aŭroras via estonto.*
*Ho, la justeco venkos ĉe l'fino,*
*kaj liberigos vin la homaro!*
*Angela Davis, juna negrino,*
*brave batalu,*
*firme vi staru!*

*Asen Grigorov*

# La simbolo

*Anĝela Davis – ĉi tiu nomo estas simbolo –*
*Nia simbolo de lukto por egaleco, paco kaj libero*
*Ĝi staras sur la ruĝa flago nia –*
*Esprimanta la solidarecon.*
*Luktas ni por liberigi vin:*
*Anĝela Davis.*

*Deziras ni liberon vian,*
*Aŭdu vokojn niajn!*
*Votas detrui ni*
*Intrigojn de viaj malamikoj.*
*Sento nia estas kun vi.*

*Michael Lennartz, 15 j.*

# Parodio - apokrifoj

*Karel Ĉapek, Libro de apokrifoj, eld. Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Praha 1970, 105 pĝ.*

Ĉiu vi konas Karel Ĉapek (1890—1938)?

Estus inde konatiĝi kun tiu-ĉi mondranga ĉeĥa verkisto. Jen vi havas la eblecon, ĉar Ĉeĥa Esperanto Asocio 1970 eldonis la *„Libron de apokrifoj"*. Apokrifoj = neaŭtentikaĵoj. Mi konfesas, ke mi ne atendis sub tiu titolo tiun frandaĵon. Temas pri 30 ĉirkaŭ 3-paĝaj rakontoj, sed vere neordinaraj. Ĉapek uzas historie konatajn kaj kelkfoje ankaŭ bibliajn temojn aŭ heroojn kaj tekstas pri ili vere sprite pensigajn rakontojn de parodia satiro. Jen ekzemploj: Ĉu ne vere estas signo pri la dekadenco de la tempo, se niaj karaj tradiciemaj sinjoroj prahomoj devas vidi, kiel iliaj geidoj, do la prahomidoj, ne plu ŝatas ŝtonlancojn sed tiujn el ostoj aŭ eĉ el fero? Kaj kion diri pri la maldecaj desegnoj en la kavernoj?

(*„Pri dekadenco de la tempo"*). Same ĝue oni legas la babiladon de grekaj soldatoj, kiuj jam 10 jarojn devas enui antaŭ la pordoj de Troja kaj aplaŭdi la paradajn batalojn de Ajax, Aĥilles kaj aliaj ĉefherooj (*„Persito"*). Aleksandro la Granda petas Aristoteles, sian instruiston, filosofie pruvi al la homoj lian diecon (*„Aleksandro la Granda"*). Nun do, zorgojn ili havis — —. Aŭ romiaj legionanoj scias vere, kio estas ĉasista latino (*„Romiaj legioj"*).

Kaj oni legas pri la granda konkurenca entrepreno de la bakistoj el biblia tempo. Jes, konkurenca entrepreno kun nomo Jesuo, kiu nutris kvar mil virojn, virinojn kaj infanojn, per nur sep panoj kaj kelkaj fiŝetoj, kaj ĉio ĉi sen pagi bakistajn impostojn. Kaŭzo, kompreneble, por ribeligi bakistojn. *Hamleto* ĉe Ĉapek fariĝas princo, kiu revas pri granda artista kariero ludonta reĝmurdojn en ĉiuj vilaĝoj de la lando. Perspektivoj ...? (*„Hamleto, princo dana"*) Kaj finfine ni sciiĝas, dank' al Ĉapek, kial *Don Juan* forlogis, malfeliĉigis, kaj ... is tiom da belegaj virinoj. Iu monaĥo lin konfesigis pri la sekreto. Nun mi scias, kio estis pri la multvirinulo. Ĉu vi ankaŭ? Nu vidu, Don Juan konkeris virinon. Ŝi estis preta por ĉio ajn, sed en la decida momento li devis forlasi ŝin, jes, li devis ... kaj tial ne restis ĉe ŝi. Jen la komprenebla kaŭzo, kial li fuĝis el la brakoj de unu virino, memtrompe sin ĵetanta al alia.

Tion kaj aliajn vere legindajn historietojn al vi prezentas la *„Libro de apokrifoj"*.

Mi ne volas forgesi substreki la eksterordinare bonan lingvaĵon. La tradukinto Josef Vondroušek el Brno liveris vere elegantan, spritan kaj buntan lingvon. Jen sufiĉe da kaŭzoj por havigi al si la libron. Prezo ĉ. 5 markoj.

Antaŭmendojn ĉe Centra Laborrondo Esperanto de GDR en Germana Kulturligo, 108 Berlin, Charlottenstraße 60.

*Detlev Blanke*

**Preseraroj . . .**

**Li premis la manojn de la fraŭlinoj (sed ne la mamojn!) ĉiam preferu salokukon sed ne kalosukon. Ŝia timo cedis (kaj dume la cimo tedis). Li manĝis kun gasto kukon sed ne kun gusto ... (Laŭ R. Ŝvarc).**

## INFORMOJ

### GDR-eldono de Paco 1971

Aperis la ĉijara GDR-eldono de „Paco" (4/71).

Jen el la enhavo: La neceso de eŭropa sekureckonferenco; Pri „intergermanaj" rilatoj kaj eŭropa sekureco; pacesplorado kaj pacbatalo; tro rapida plimuctiĝo de l'homaro? ilustrita manipulado; Con Son-kaŭzo de ekscito; Angela Davis; GDR-amiko kaj aliancano en la antiimperiisma liberigbatalo; la proksimorienta problemo-historie (Graetz): la nokto de rompitaj vitroj (Kästner); UN kaj GDR; Heinrich Mann; el la romano „La regato"; el la romano „Nuda inter lupoj" de Bruno Apitz; poemoj de Heinrich Heine en Esperanto (Blanke); kelkaj konsideroj pri arg umentado kaj argumentoj (4 pĝ. de Blanke); pri ideologiaj konceptoj de L. L. Zamenhof (3 pĝ. de Graetz)

### Diskuto pri Esperanto en „Neue Zeit"

La grava gazeto „Neue Zeit", kiu estas eldonata en Moskvo kaj aperas en diversaj lingvoj entenis en la numeroj 3, 18, 19, 25, 26 de 1971 internacian diskuton pri Esperanto. (Sur la dua interna kovrilpaĝo).

### Mongolio

La 15an de decembro 1970 fondiĝis Mongola Esperanto Unuiĝo okaze de la 111a datreveno de la naskiĝo de d-ro L. L. Zamenhof. La celo de la unuiĝo estas propagandi kaj disvastigi la internacian lingvon en Mongolio. Nun en Ulan-Batoro oni aranĝas esperantan bibliotekon, por kiu oni serĉas esperantajn librojn, gazetojn ktp. Bonvolu helpi al niaj mongolaj amikoj kaj sendi esperantaĵojn laŭ la adreso: Mongola Esperanto-Unuiĝo, pk. 733, Ulan-Bator, S-ro Ĉoj Luvsanĝav, Mongolio.

### Internacia renkontiĝo en Rostock

Okaze de la ĉijara Semajno de la Balta Maro la esperantistoj de Rostock havis la ĝojon saluti 7 eksterlandajn esperantistojn en sia urbo. En amika renkontiĝo ĉ. 40 rostockaj esperantistoj pasigis interesajn horojn kun kvar amikoj el Tallin, Soveta Unio, du el Pollando, kaj unu venis el Hungario. La esperanto-renkontiĝo estis oficiale anoncita pere la loka radiostacio „feria ondo".

*Interesa legaĵo:*

### 15 Jaroj de agado de V. P. E. A. (1956–1971)

Per ĉi tiu speciala dokumento, kiu baldaŭ aperos ĉe la 15a Jubileo de Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, vi povos ekhavi ĝeneralan vidon super ĝiaj ĉiuflankaj aktivecoj kaj aprezi la subtenmovadon de la esperantista mondo favore al la vjetnama justa kaŭzo. Eldonkvanto limigita. Al ĉiu akurata petanto ni sendos donace I ekzempleron. Skribu al V. P. E. A., 68 Ly Thuong Kiet, Hanoj (VDR).

# INFORMOJ

**Esperanto-Semajnoj en Hungario Julio 1972**

KORE NI INVITAS VIN, pasigu tagojn aŭ semajnojn en tri diversaj partoj de nia lando.

*Budapest,* la „perlo de l'Danubo" proponas al vi ĉarmon de l' montoj kaj valoj, siajn historie-kulturajn valorojn.

La hungaran kulturon prezentos al vi **Hungara Kultur-Festivalo.**

*Gyula* situas 200 km-ojn sud-oriente de Budapest. La ĝardenurbo Gyula kun siaj artobjektoj, variaj amuzeblecoj kaj strand-, kurac-, termalbanejo garantias la amuziĝon kaj ripozon de la vizitantoj. Pri la kultur-scienca programo zorgas la 10-a Jubilea Sesio de

**Somera Esperanto-Universitato.**

*Abaliget* situas 200 km-ojn sudokcidente de Budapest. La malgranda vilaĝo kaŝas sin sur la mildaj deklivoj de nia plej bela montaro Meĉek. La agrabla klimato, arbaroj, lagoj kaj riveretoj, promenadoj aŭ ekskursoj al la verda pejzaĝo ne nur refreŝigas, sed ankaŭ redonas al la homo la dum ĉiutaga laboro perditajn fortojn. Pri via bonfarto zorgas la organizantoj de la

**5-a Internacia renkontiĝo de Esperantistoj-Naturamikoj (Iren).**

Atentu! Ĉiuj tri aranĝaĵoj laŭ administrado estas memstaraj, do oni devas aliĝi aparte al la aranĝaĵoj laŭ la adresoj en Budapest, Gyula, respektive Abaliget.

**Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 5. Poŝtfako 193.**

**Provizora Programo de la Kultur-Festivalo**

1. *Solenaj aranĝoj:*
   - Inaŭguro
   - Ferma kunsido
2. *Kulturaj programoj:*
   - Prezento de l'hungara literaturo
     - poezio kaj prozo
   - La hungara muziko
   - Kanto kaj ĥoroj
   - Folklor-prezentado
   - Filmprezentadoj
3. *Servoj:*
   - Loĝiga Servo
   - Ekskursa Servo
   - Vizito de muzeoj, art-ekspozicioj
   - Diversaj fakkunsidoj

Loko: Ĉefurba Kultur-Domo, Budapest XI.

Dato: 17–23 julio 1972, lundo–dimanĉo.

Aliĝkotizo: 240,– forintoj aŭ 8,– USA-dolaroj

Detalan informon petu de la organizanto: **Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 5. Poŝtfako 193.**

**„Bulgara Esperantisto" en 5000 ekzempleroj**

La organo de Bulgara Esperantista Asocio, „Bulgara Esperantisto" atingis pli ol kvar mil abonantojn. Ĝi nun aperas en 5000 ekzempleroj.

**Ĉeĥa vortaro en 20 000 ekzempleroj**

La ĉeĥa Ŝtata Pedagogia Eldonejo aperigos la 3-an eldonon, en 15 000 ekzempleroj de la Esperanto-lernolibro de Th. Kilian. La sama eldonejo publikigos, en 20 000 ekzempleroj, la 4-an eldonon de la vortaro ĉeĥa-Esperanto kaj Esperanto-ĉeĥa de R. Hromada.

# KORESPONDDEZIROJ

## Britio

La Referenca Biblioteko de The British Esperanto Asociation serĉas la numerojn 1-6 de „der esperantist". Skribu al British Esp. Asociation, 140 Holland Park Avenue, **London** W 11

## GDR

Lernanto, 16-jara, dez. korespondi pri amatora radiotekniko. Bv. skribi al DM-5542/D Michael Lennartz, 172 **Ludwigsfelde,** Eschenallee 45

Dek novaj esperantistoj (aĝoj 15 ĝis 35 jaroj) deziras korespondi kun geamikoj tutmondaj pri ĉiuj temoj. Bonvolu skribi al: Germana Kulturligo, Laborgrupo Esperanto, 5211 **Dienstedt,** Rudolstädter Str. 3

Al ĉiuj esperantistoj mi anoncas la novan eldonon de la ŝovglubildoj rondformaj kun verda stelo kaj verda ĉirkaŭskribaĵo germanlingve: ESPERANTO — DIE INTERNATIONALE SPRACHE en diametro 10 cm por 25 pfenigoj kaj 5 cm por 15 pfenigoj. Bonvolu mendi ĉe Hans-Jürg Kelpin, 5211 **Dienstedt,** Rudolstädter Str. 3

## Nederlando

Mi serĉas gekorespondantojn en ĉiu lando pri ĉiu temo. Mi certe respondos. S-ro Adr. v. d. Hoeven Sr. P. O. Kesto 9751, **Den Haag 2078**

## Pollando

27jara instruisto dez. korespondi kun GDR-anoj. Vojaĝos 1972 tra GDR. Andreo Marszakowski, **Gdansk-1,** poŝtfako 254

Lernanto, 18-jara, dez. korespondi pri literaturo, muziko, kino kaj sporto. Dez. interŝ. pm, bk, Ryszard Stempien **Zawidow,** str. C. Skodowskiej 9, voj. Wroclaw

Deziras korespondi kun germana aktoro, reĝisoro, direktoro de teatro aŭ profesia teatra tradukinto pri interŝanĝo de libroj, spertoj, ekzempleroj de teatraĵoj. Marian Niewiarowski, **Katowice,** Morcinka 21

## Soveta Unio

Filatelisto-filokartisto Anatolio Dovbiŝ, **245110-Ŝostka,** Centra Poŝtejo, serĉas ĉiuspecajn bildkartojn en 3 dimensioj (3-D cards)

Dez. korespondi Aleksandr Nikolaev, **Rostov-na Donu 19,** ul. 1 Komsomolskaja 36, kv. 6

Instruistino, kun ciuj landoj pri ĉiuj temoj, ankaŭ ruse kaj angle s-ino Biruta Vorpina, **Cesis,** str. Lebedeva 28/18, Latva SSR

Oficisto, interŝ. pm, monerojn, monbiletojn, koresp. ankaŭ ruse, Viktoras Laskovs, **Cesis,** str. Lebedeva 28—18, Latva SSR

Anoj de la Esperanto-Klubo „Juneco" dez. korespondi, **Vilnius-232000,** a/d. 61. Litova SSR

---

## Redaktaj finoj

Por ke ĉiu eventuala kontribuonto por nia revueto scias, ĝis kiam la kontribuoj devas esti atingintaj la redakcion, ni sciigas la limdatojn por la unuopaj sekvantaj numeroj: nov. dec: 20. 10. 71/ jan.—febr.: 30. 12. 71/ mart—aprilo: 23. 2. 72 / majo—junio: 25. 4. 72 / julio—aŭg.: 20. 6. 72 / sept.—okt.: 20. 8. 72 / nov. dec.: 20. 10. 72. Ni petas atenti tiujn datojn. La revueto aperas bedaŭrinde kutime nur tri monatojn post la redakta fino. Tio havas teknikajn kaŭzojn en la presejo. La redakcio havas neniun influon je tio

La red.

**Malnovaj libroj kaj gazetoj** ĉiam aĉetas aŭ akceptas kiel donaco Centra Laborrondo. Ĉio estas bonvena, ĉio estas grava por nia granda arkivo kaj centra biblioteko, kiu jam havas pli ol mil titolojn. Subtenu! Helpu!

## Korekto

En nro 47, paĝo 21 ni publikigis kombilenigmon de Helmut Lehmann, Frankfurt/Oder. Bedaŭrinde la desegnisto aldonis erare po unu superfluan kvadrateton. Ni petas pardonon.

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 660